I jaro Sofia — Bulgario Novembro 1957, N-ro 1

# INTERNACIA ★ ĴURNALISTO

Organo de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)






## NI FARU TEĴA'N PLI GRANDA KAJ PLI FORTA!

Dum la Kongreso en Marseille deko da TEĴA'anoj kunvenis kaj pritraktis aktualajn problemojn. Dum la kunveno oni skizis la direktivojn de nia plua laboro. La ĉeestantoj esprimis sian ĝojon pri la sciigo fare de la bulgaraj samideanoj, ke ekde nun nia bulteno aperados presita sur bonkvalita celuloza papero. La entuziasmo, per kiu oni akceptis tiun sciigon, estas pravigita, ĉar per presita organo oni ja povas pli efike informi pri nia laboro kaj prezenti al la membroj la aktualajn taskojn. Do, la aferoj komencis glate gliti; necese estas nur pluen konstrui sur la kreita fundamento.

Dum la sama kunveno estis akcentita la urĝa bezono varbi novajn membrojn kaj altiri al la Asocio ĉiujn esperantistojn-ĵurnalistojn. Sendube preskaŭ en ĉiuj landoj troviĝas esperantistoj, kiuj pli aŭ malpli profesie estas engaĝitaj en ĵurnalista laboro. Tiujn esperantistojn ni bezonas en TEĴA, por ke la Asocio fariĝu pli forta kaj laborpova.

Rigardante la membroliston, ni tuj konstatas, ke estas multoble pli da membroj el Orienta Eŭropo ol el Okcidenta. Ni devas konfesi, ke niaj orienteŭropaj kolegoj agas vigle kaj celkonscie. Certe en la okcidentaj landoj troviĝas esperantistoj — ĵurnalistoj, pri kiuj ni apenaŭ scias. Nia devo estas trovi ilin kaj establi kun ili kontakton, strebante ligi ilin al TEĴA.

Dum la lastaj jaroj vojaĝante eksterlanden mi mem bone spertis kian utilon oni povas havi de kolegoj, posedantaj Esperanton; pasintjare multe helpis al mi la esperantistoj-kolegoj en Bulgario kaj dum la lasta somero en Praha mi ĝuis la malavaran helpon de samideano Joĵko Stanek. Ne malpli utilan kaj valoran fakan laboron mi havis kun samideanoj G. Nörgaard Jepsen en Danio kaj Marinko Ĝivoje en Jugoslavio. Al ĉiuj mi esprimas mian plej koran dankon!

Per plivastigo de la membroreto tiel ke ĝi ampleksu ĉiam laŭeble pli da landoj, ni povas fari el TEĴA vere priatentindan faktoron en la kultura vivo. Tiamaniere la plimultigo kaj plivalorigo de la servoj de nia Asocio fariĝos eblaj. Ju pli da landoj ni sukcesos envicigi, des pli da ebloj ni havos por interŝanĝo de sperto, ideoj kaj artikolaj materialoj.

Skribante ĉi tiujn liniojn, mi profitas la okazon sendi al nia anaro plej amikajn, kolegajn kaj samideanajn salutojn, esperante ke la nova Asocia jaro alportos al nia kara TEĴA nur kreskon kaj konsiderindan prosperon.

O. Thormodsen — Norvegio
Prezidanto de TEĴA

## ĜENERALA KUNVENO DE TEĴA

En Marseille, Francujo, inter la proksimume 1400 gekongresanoj, kiuj partoprenis la 42-an Universalan Esperanto-Kongreson, troviĝis ankaŭ pluraj ĵurnalistoj, redaktoroj k. a. el Pollando, Francio, Norvegio, Bulgario, Germanio, Jugoslavio kaj aliaj landoj.

Vendrede, la 8-an de aŭgusto, en unu el la salonoj de la kongresejo okazis Ĝenerala Kunveno de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA).

Raporton pri la ĝisnuna agado de TEĴA faris s-no André Ribot (Francio). S-no Ivan Keremidĉiev (Bulgario) parolis pri la eldonado kaj redaktado de la bulteno — organo de TEĴA. Post diskutoj, la Ĝenerala Kunveno unuanime decidis jenon:

### A.—ESTRARO (Buroo) KAJ KOMITATO

La plej supera gvidorgano de la Asocio estas la Komitato. La Komitato konsistas el 5 membra Estraro (Buroo), kiu gvidas la aferojn de la Asocio, kaj el komitatanoj — naciaj reprezentantoj. La Ĝenerala Kunveno ĉiujare elektas la Estraron. La ceteraj komitatanoj estas elektataj inter la TEĴA-anoj en ĉiu lando, kie troviĝas pli ol 5 membroj de TEĴA.

La Ĝenerala Kunveno en Marseille elektis jenan Estraron de TEĴA.

Prezidanto — Olav Thormodsen (Norvegio); Vicprezidantoj — Maria Vogel (Germanio), Niilo Kavenius (Finnlando); Sekretario-Kasisto — André Ribot (Francio), Redaktoro — Ivan Keremidĉiev (Bulgario).

### B. — PRESIGO DE MEMBROKARTOJ

La Ĝenerala Kunveno devigis la Estraron en plej baldaŭa tempo presigi kaj dissendi al la membroj de TEĴA membrokartojn. La presigon de la membrokartoj prizorgu s-nino Vogel.

### C. — NEŬTRALECO DE LA ASOCIO KAJ DE LA PRESORGANO

TEĴA estas neŭtrala profesia organizaĵo. En ĝi rajtas membri ĉiuj ĵurnalistoj, korespondantoj, publicistoj esperantistoj, sendepende de iliaj nacieco, raso, politikaj kaj religiaj konvinkoj kaj tendencoj. La redakcio de la presorgano de TEĴA devas ĉiam konsideri la neŭtralecon de la Asocio. La redaktoro en la ĝis nun aperintaj numeroj de la bulteno konsideris bone tion. La kunveno nur montris kiel nekonvena la alvokon pri la Festivalo en Moskva, publikita en la Bulteno.

La kunveno, dankinte al s-no Szilagyi por la propono servi al TEĴA per publikigoj en „Norda Prismo", deklaris, ke estas preferinda eldono de Bulteno pro ĝia faka karaktero. Oni decidis daŭrigi ĝian aperigon sub la nomo „Internacia Ĵurnalisto". La redaktoro, s-no Keremidĉiev, anoncis ĝian baldaŭan presigon sur pli bona papero. La presota belaspekta organo certe treege akcelos ĝian disvastiĝon.

### D. — CIRKULEROJ

Oni decidis, ke por solvi la kurantajn aferojn la estraranoj kontaktas inter si per leteroj. Kiam la Estraro devus decidi pli gravan demandon, oni konsultos la komitatanojn. La decidojn kaj la instrukciojn oni sciigas per cirkuleroj kaj per la asocia organo.

### E. — RILATOJ KUN UEA

Estas petataj la aperigo de komunikoj pri TEĴA en la jarlibro kaj informoj en la centra organo „Esperanto". La Ĝenerala Kunveno petas ankaŭ la Gazetaran Servon de la Universala Kongreso sendi mallongajn komunikaĵojn en Esperanto al la organo de TEĴA kaj al ĉiuj TEĴA-anoj, kiuj ne partoprenis la Universalan Kongreson de Esperanto, por ke ili siaflanke aperigu ilin en siaj naciaj gazetoj.

### F. INTERŜANĜO DE ARTIKOLOJ

Ĉar tio estos grava sektoro de nia agado oni decidis, ke s-no Jepsen (Silkeborg Avis, Silkeborg, Danlando) zorgu pri la Interŝanĝservo.

### G. — KOTIZOJ

La membrokotizo, inkluzive la abonkotizo de „Internacia Ĵurnalisto", estas unu usona dolaro, 350 fr. frankoj aŭ egalvaloro en nacia valuto. La membroj el Okcidenteŭropaj landoj povas pagi la kotizon al la sekretario-kasisto s-ro André

Ribot, 11, rue Paul Vergnes, Marmande, Francio, tiuj el Orienteŭropaj landoj (inkluzive Finnlando) — al s-no Ivan Keremidĉiev, bul. „Hristo Botev“ 98, Sofia 2, Bulgario kaj la alilandaj membroj povas pagi laŭpove al unu el la ambaŭ.

H. — STARIGO DE FONDUSO

Ĉar nia organo estas centro de nia agado, ni devus malavare subteni ĝian plibonigon kaj plitaŭgigon. Oni decidis starigi fonduson „Internacia Ĵurnalisto“. La membroj de TEĴA estas petataj malavare sendi dolarojn, frankojn, rublojn, levojn, markojn, kronojn aŭ librojn, respondkuponojn ktp al ambaŭ estraranoj (Ribot kaj Keremidĉiev). Pri ĉiu ricevita monsumo oni anoncos en nia presorgano.

KONKLUDO. — Pro la plena interkonsento kaj unuanimeco de ĉiuj partoprenintoj, la Ĝenerala Kunveno de TEĴA finis sian laboron plensukcese. La ĝenerala impreso estas, ke nia Asocio estas esperdona kaj agema. Kun la helpo de ĉiuj — Estraro, komitatanoj kaj membroj — ni povas esti certaj en la rezultodona laboro de nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio.

A. Ribot, Marmande, Francio

---

## Ĵurnalista ✶ VIVO

TEĴA SEKCIO EN JUGOSLAVIO

Dank'al la klopodoj de la Iniciata TEĴA-Komitato, en nia lando estas fondita Ĵurnalista Sekcio, La unuaj 10 ĵurnalistoj-esperantistoj jam aliĝis al TEĴA, paginte la membrokotizon. En Jugoslavio estas multaj aliaj ĵurnalistoj-esperantistoj, kiujn ni klopodos varbi kiel membroj de nia Sekcio.

En „Jugoslavia Esperantisto“, organo de Jugoslavia Esperanto Federacio, aperis artikolo, per kiu ni emfazas la gravan signifon de TEĴA kaj alvokas la ĵurnalistojn-esperantistojn en Jugoslavio aliĝi al la Asocio. Ni esperas, ke la rezultoj estos bonaj. Post la unua membrolisto ni sendos al la estraro de TEĴA novan membroliston.

La Iniciata Komitato preparas planon por la estonta laboro de nia Ĵurnalista Sekcio en la kadroj de TEĴA.

M. Dobĉnik, Ljublajna

---

TEĴA-ANOJ, SUBTENU FINANCE NIAN ORGANON!

Ni ĝoje salutu nin, karaj TEĴA-noj! La promeso de la redakcio de nia organo plenumiĝis, la revo ĵurnalista efektiviĝis. Ni jam havas novan, presitan, pli belan organon!

Laŭ la decido de la Ĝenerala Kunveno de TEĴA, okazinta en Marseille dum la 42-a Universala Esperanto-Kongreso j. k., nia ĝisnuna stencilita Bulteno devas aperi presite sub la titolo „Internacia Ĵurnalisto“. Tiu decido jam estas reala fakto, grava akiraĵo por TEĴA, por nia glora afero.

La Bulteno aperis regule ĉiumonate en 500 ekzempleroj dank' al la helpemo kaj oferemo precipe de la Sofiaj TEĴAanoj. Kvankam en modesta formo, ĝi estis renkontita kun entuziasmo de nia anaro kaj multe kontribuis por la aktiviĝo kaj pliviglIĝo de nia Asocio.

Tamen, se vi volas, ke „Internacia Ĵurnalisto“ bone plenumu sian taskon, ke ĝi sukcese ludu sian noblan rolon kiel presorgano de respektinda internacia organizaĵo TEĴA, ĝi devas esti belaspekta kaj enhavoriĉa. Por plibonigi ĝiajn formon kaj aspekton, por pliriĉigi ĝian enhavon kaj por certigi ĝian regulan eldonadon estas necesa ne nur morala apogo, ne nur aktiva kunlaborado, sed ankaŭ materiala, financa subteno.

Tiucele la ĝenerala kunveno decidis starigi fonduson „Internacia Ĵurnalisto“. La Estraro de TEĴA, ĉiuj membroj kaj

amikoj de nia Asocio devas kontribui por la stabiligo de nia materiala bazo, ili devas malavare oferi por la fonduso monrimedojn kaj aliajn vendeblajn objektojn.

Laŭeble oni sendu ĉion al la sekretario-kasisto de TEĴA, s-ano Andrè Ribot (Francujo), al la redaktoro Ivan Keremidĉiev (Bulgario), aŭ al vialanda kumitatano aŭ reprezentanto.

Por ĉiu donacita sumo oni komunikos en „Internacia Ĵurnalisto".

Karaj TEĴA-anoj, ĵurnalistoj, subtenu vian organon „Internacia Ĵurnalisto"! La redakcio atendas vian senrezervan apogon!

Al ĉiuj donacontaj anticipan sinceran dankon.

Iv. Keremidĉiev, Sofia

---

## INTERŜANĜSERVO

Ricevitaj artikoloj en Esperanto.

1) Kia estas la prienergia imposto, de A. Ribot, Marmande, Francujo.

2) Libereco kaj paco en la scienca epoko, de D-ro A. Mildwurf, London, Britlando.

La artikoloj troviĝas (en tri ekzempleroj) ĉe la gvidanto de nia Interŝanĝservo — s-no G. Nörgaard Jepsen, Skovvangen 17, Silkeborg, Danlando. Riceveblaj kontraŭ 3 respondkuponoj, kiujn la dezirantoj devas sendi al la supra adreso.

---

## Estraro de TEĴA

Prezidanto÷Olav Thormodsen, Box 132, Haugesund, Norvegio

Vicprezidantoj÷Maria Vogel, Kniebisstrasse 31, Stuttgart, Germanio kaj Niilo Kavenius, Niklasengatu 10/14, Turku 9, Finnlando

Sekretario-kasisto÷André Ribot, 11, rue Paul Vergnes, Marmande, Francio. Redaktoro÷ — Ivan Keremidĉiev, blv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario

---

## Komitatanoj de TEĴA

Matko Dobĉnik, Miklošiĉeva 7, Ljubljana, Jugoslavio

N. F. Danovskij, Frunzenskaja nab. 118/120 A kv. 12 Moskva 131, Sovet-Unio

Danujo — G. N. Jepsen, Skovvangen, 17, Silkeborg. S-ano Jepsen gvidas la fakon Interŝanĝservo.

Switalski Józef, Wroclaw, ul. Kasprovicza 65, Pollando

---

## Landaj reprezantoj de TEĴA

Ĉeĥoslovakio — Joĵko Stanek, Osadni 45, Praha

Rumanio — Ştefan Freamat, str. Gabriel Peri 4, Bucureşti

Hungario — Marton Lajos, Esperanto, Burs-utca 2, Budapest XII.

---

## Elektu vian komitatanon de TEĴA.

La Estraro petas ĉiujn membrojn de TEĴA en tiuj landoj, kie estas 5 aŭ pli ol 5 membroj, tuj interkontaktiĝi kaj en plena konsento elekti plej ageman sian kolegon por komitatano de TEĴA. La elektita samideano tuj devas sendi sian adreson al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto".

---

## Estas serĉataj reprezentantoj de TEĴA por ĉiuj landoj

Agemaj membroj, dezirantaj esti reprezentantoj de TEĴA por sia lando, estas petataj tuj anonci siajn adresojn al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto". En landoj, kie estas ĝis 4 membroj de TEĴA ili povas interkonsiliĝi kaj anonci sian reprezentanton al la redakcio.

Redaktoro: Ivan Keremidciev blv. „Hristo Botev" 98, tel. 3-34-04, Sofia II, Bulgario